Karaj!
Mi petis respondon pri la utilo de la lasta paĝo, kiun ni enkondukis antaŭ kelka tempo.
Kaj dankon! El pluraj landoj mi ricevis respondojn. Kaj montriĝas ke la enkonduko ne signifis veran praktikan reformon: Pluraj landoj malpermesas forsendon de nefermitaj gazetoj pro la danĝero, ke aliaj poŝtaĵoj, leteroj k.s., povu malaperi inter la folioj de la revuo. En aliaj landoj oni fakte permesas la uzon, sed niaj reprezentantoj konfesas, ke ili ne utiligis la adresolokon dorsflanke.
Tial vi ek de nuna numero denove ne trovas tiun - sed anstataŭe ni lasas supre liberan lokon sufiĉe grandan por nomo kaj adreso.

Ni havas la ĝojon bonvensaluti la novajn reprezentantojn por Usono kaj Danlando. Temas pri:
H. William Beare en San Antonio; li estas 31-jara impoŝtisto, kaj post iom da pripenso decidis iĝi NR por Usono. Kaj nun ni esperas, ke la usona sekcio denove iĝos la plej granda de nia Ligo.
Kaj en Danlando transprenas 28-jara instruisto Asger Petersen.
Li estas trupestro ĉe KFUM-trupo, t.e. trupo de skoltoj ligitaj al la Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj. Lia hejmloko estas Rødovre, parto el Grand-Kopenhago. Kaj jam julie li faros propagandon ĉe dana nacia ĵamboreo.
Sed kiam ni bonvenigas la duon, ni samtempe rektas dankon al iliaj antaŭuloj.
En Usono Stan Otto faris valoran laboron en vasta lando sen propra NR, kaj en Danlando Sejer Holgersen vane baraktis dum preskaŭ 14 jaroj. Ni konas liajn "La Totemo" kaj presitajn kaj multobligitajn foliojn kaj kursojn. Espereble la laborkondiĉoj estos pli bonaj al lia posteulo, kiu certe profitos el liaj sperto kaj konsiloj.

Samtempe ni ankaŭ devas forstreki la nomon de Heinz Kovacic.
Li pretis preni la taskon de NR por Aŭstrujo, sed montriĝis, ke li ne povis kombini tiun taskon kun la sekretariejo de la aŭstra Tejo-sekcio.
Ni kore dankas pro liaj bonvolo kaj preteco, kaj deziras sukceson kun la Tejo-grupo.

Hans Amund.

LASTMOMENTA INVITO.

La 69.a Nottingham (Ĉeflerneja) Trupo volas kunigi (viziti, tendi en landoj de ĉiuj aliaj, loĝi en la hejmoj de kunigitaj skoltoj aŭ simple korespondi) kun trupo en Okcidenta Eŭropo.
La Grupo havas 40 skoltojn ( t.e. knaboj) kaj 12 'Venture' skoltojn (t.e. pliaĝaj) kiuj ĉiuj estas lernantoj de nepublika lernejo en la urbo Nottingham, Anglujo.
Se iu trupo volas kontakti kun la 69-a trupo, skribu al
s-ro Geoff Shearn,
Organizanta Ĉefskolto de Nottingham,
North Church Street,
Nottingham NG 1 4BG, Anglujo.



# GRATULON

La 9-an de Junio nia
J. W. LESLIE
jubileas, celebrante sian
70an naskiĝtagon.
Nian koran gratulon!

++++++++++++++++++++++++++++++++

PRELEGOJ, EKSPOZICIOJ ........ nun okazas en ĉiuj anguloj de la mondo. Kelkaj ekzemploj: Belgujo (Charleroi), Britujo (Glasgow), Koreujo (Guangyu), Nederlando (Hilversum), kaj ili baldaŭ okazos dum la nacia ĵamboreo en Danlando, kaj dum la Konferenco por Aventur-Skoltoj en Kanado.

En Afriko nun okazas kvar kursoj. Pri tri el tiuj vi trovas informon aliloke. La kvara estas ĉe
Esperantistaj Alĝeriaj Skoltoj,
100 Bd. Bouzered Hocine,
Annaba, Alĝerio.



++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++



La pli aĝa skolto kaj la juna sidas kune – kaj kio estas pli saĝa ol tio? La juna estas la estonteco, la aĝa posedas el sia vivo spertojn, kiujn neniu forĵetu.

Mia filo, atentu miajn vortojn; klinu vian orelon al miaj paroloj. Ili ne foriĝu de viaj okuloj; gardu ilin en via koro. Ĉar ili estas vivo por tiuj, kiuj ilin trovis, kaj sanigaj por ilia tuta korpo.
Pli ol ĉion gardatan, gardu vian koron; ĉar el ĝi eliras la vivo.
Forigu de vi falsemon de la buŝo, kaj malicon de la lipoj malproksimigu de vi.
Viaj okuloj rigardu rekte.

Jenajn saĝajn vortojn vi trovas en La Sentencoj de Salomono, Ĉap. 4. Ili estu al vi edifaj vortoj, pripensindaj vortoj.

# sauno

*David Harrold*




La Saŭno estas finna vaporbanejo. Amerikaj indianoj uzis Sweat Lodges por purigo kaj kuraco, kaj la turka bano nun estas vaste konata. Se vi kampadas por pli ol semajno, provu tiun ĉi metodon, kiun uzas finnaj skoltoj.

La banejo konsistas el du partoj - la saŭno mem kaj lageto por malvarma naĝo aŭ duŝejo. Se estas en la proksimo rivero, konstruu vian saŭnon apud ĝi.

La saŭno estas tendo. En la mezo de areo ĉ 2metrojn kvadrate, faru truon kaj sekuru ĝin per plataj ŝtonoj. Ĉe la anguloj de la areo, metu angulportilojn ĉ 125 cm altaj kaj al tiuj fiksu sidlokojn. En la saŭno vi bezonas ujon kun malvarma akvo, kaj malgrandan ujon por verŝi la akvon. Kovru per fortika tendotuko aŭ alian konvenan kovrilon.

Por uzi la saŭnon, faru grandan fajron. En ĝin vi metu dekduon da grandaj ŝtonoj. Amasigu sur ilin pli da brulaĵo. Post horo ili estos sufiĉe varmaj. Dume vi finaranĝis vian saŭnon, surmetante la kovran tukon kun unu flanko libera por enirejo. Nun forigu la cindrojn kaj - uzante ian tukon - lokigu la varmajn ŝtonojn en la truon en la centro de la saŭno.

Kiam vi nuda estas ene, sidu aŭ kuŝu sur la sidilo kaj verŝu akvon sur la ŝtonojn, ĝis vapora nubo envolvigos vin. Post dudek minutoj tio sufiĉos, kaj vi eliru por iri al naĝo aŭ malvarma duŝo. Tiu ero de la bano estas gravega, ĉar ĝi rapide kaj efektive refermas la nun malfermitaj porojn.

La finna saŭno estas permanenta speciala domo, kaj la familio uzas ĝin vintre kaj somere. Ili havas specialajn betulajn branĉetfaskojn per kiuj ili reciproke batetas unu la alian por pliriĉigi la cirkulon de sango.

La saŭno estas bona projekto por la somera tendaro - aŭ por permanenta tendloko. La patrolo povas uzi sian pioniran teknikon!


Ĉu vi havas alumeton por la fajro?

# VOLAS KORESPONDI




Pri filosofio, religio, muziko, literaturo kaj matematiko:
Veska Peleva, 36-jara instruistino. Adr: Rakitovo, okvay Parzarĝiŝki. Bulgario.
Grigor Bojaĝiev, 43-jara. Sama adreso.

30 geknaboj 13-16 jaraj deziras korespondi Adreso: Esperanto, Pionierhaus, 195 Neu-ruppin, Germana Dem. Respubliko.




UZU VIAN LINGVON!

Kial vi lernis nian lingvon, se vi ne uzas ĝin utile?
En leciono 108 de nia lernolibro por skoltoj "Ĵamborea Lingvo" vi trovas informojn pri diversaj manieroj, per kiuj vi povas utile uzi nian lingvon.
Kaj LA SKOLTA MONDO kun plezuro helpos al al vi trovi geamikojn en aliaj landoj.
Do: Sendu korespondanoncon por la venonta numero!

Sur alia paĝo vi trovas nomojn de belgaj skoltoj kaj skoltinoj kiuj eklernis nian lingvon.

En la Demokrata Respubliko de Kongo tri kursoj komencis, por skoltinoj, por skoltoj kaj por skoltinaj gvidantoj. Inter la kursgvidantoj estas nia NR, Paul Nzemba Paku.
La konga geskolta movado sendos al la ĵamboreo en Tokio fortan delegacion, almenaŭ 50 skoltojn.
Se vi volas saluti la kursanojn, sendu leteron al
S-ro LUYEYE philibert, B.P. 8503, Kinshasa 1, Rep.Dem. du Congo.

NIA KAMPANJO.

Nia kampanjo por enkonduki Esperanton en la skoltan movadon bonege progresas. Jam 5000 da libroj vendiĝis, kaj ankoraŭ regule novaj mendoj envenas.
Ni nun klopodas, ke en ĉiu skolta gazeto aperu artikolo pri Esperanto Ni tial petas al vi: ĉu vi volas kunlabori por tio?

Ni nur povas ripozi, kiam la tuta skoltaro, 20 milionoj da geskoltoj scias kiajn avantaĝojn la internacia lingvo povas doni.

Sed ni vere estis tro modestaj!!! La kostoj de la nova disko estas tia, ke la ĝisnuna prezo ne kovras ĝin. Tial ĝi nun kostas 1.50 ned guldenojn.

INTERESA KONKURSO.
Por skoltoj en Walla Walla, Oregon, Usono, nun estas interesa konkurso. 150 $ estos dividita inter ne pli ol 3 skoltoj, kiuj iros al Tokio. Kondiĉo estas, ke ili lernas la Internacian Lingvon kaj pruvos sian kapablon. Ili povos akiri la libron Ĵamborea Lingvo senpage kaj ricevi helpon dum la studo. Por gajni ili devas interparoli dum 5 minutoj, traduki tekston de ĉ 200 vortoj. Se ili povas montri korespondon, sonrubandojn, fotojn ktp, kiuj pruvas internacian amikecon pere de Esperanto, la ebleco por gajno kreskas.
La konkurso nur validas por skoltoj el nomita regiono, vizitontaj la Mondan Ĵamboreon.




# POŜTO

La poŝto havas tre malnovan historion. La leteroj estis skribataj kaj forsendataj jam antaŭ multaj jarmiloj. Preskaŭ tri miljar-aĝa estas la bildo, sur kiu oficisto en malnova Egipto transdonas al poŝtista kuristo mesaĝon skribitan sur papirusa rulaĵo. Dum la longaj distancoj la kurantaj poŝtistoj ŝanĝiĝadis kiel hodiaŭ kurantoj en stafeta vetkuro. En Ĉinujo oni havis tian stafetan poŝton de la maro ĝis Tibeto.

Poŝtajstampoj estas pli malnovaj ol poŝtmarkoj. En Venecio kaj aliloke oni stampis en la paperon de la letero senkoloran stampon jam antaŭ kvar centjaroj, kiel ateston ke la poŝttarifo estas pagita.

Ofte la ricevanto devis pagi la poŝton, kaj oni aranĝis pruvon pri pagita tarifo per surgluita atesto kaj tio estis la unuaj poŝtmarkoj. Por ĉiu letero oni devis en la poŝtoficejoj kalkuli la pagon laŭ la distanco, kaj skribi ateston pri la pago. Ekestis multaj proponoj pri plisimpligo. Kaj venkis la projekto de la poŝtmarko.

La unuaj poŝtmarkoj enkondukiĝis de la angla poŝtmajstro Rowland Hill. Ili aperis la 6an de majo 1840. Baldaŭ aperis ankaŭ la unua preseraro. La poŝtestro sur insulo Maŭritio decidis enkonduki la novaĵon. Tiea gravuristo gravuris en la bildon ankaŭ la vortojn: POST OFFICE - t.e. poŝtoficejo. Kiam oni konstatis la eraron, la tuta kvanto de 1000 poŝtmarkoj estis jam disvendita. Hodiaŭ oni konas nur 8 pecojn de la neuzita kaj 17 de la uzita. Pro la preseraro kaj la malofteco tiuj estas tre valoraj, unikaj.

Laŭ libreto "Ni kolektas poŝtmarkojn" skizis St.L., Praha.



## SKOLTAJ POŜTMARKOJ

La jaro 1969 estos inter kolektantoj plej unika jaro post 1918 kiam la unua skolta poŝtmarko eldoniĝis en Ĉeĥoslovakujo. Ni vidis la unuan fojon skoltinan markon kun surpreso por celebri knabo-










skolta okazaĵo. Filipina skoltina poŝtmarko el 1966 ricevis ruĝan surpreson kun nova valoro kaj la vortoj "4th National Boy Scout Jamboree".

La diamantformaj markoj, kiujn Sierra Leone eldonis, ankaŭ estas novspecaj. Entute estas dekdu, ses ordinaraj kaj ses aerpoŝtaj, kaj evidente estas eldonitaj por svati al kolektantoj, kaj reprezentas nenecesajn valorojn. Bedaŭrinde, ĉar Baden-Powell kaj skolto, kiu salutas, estas presitaj bonege en multaj koloroj.

Tria maloftaĵo estas markoj el Ras Al Khaima, kiuj "honoras" la skoltismon per reproduktado de pli fruaj alilandaj poŝtmarkoj! Inter la dek estas greka marko el 1960, malbone redonita kun manko de la brako de la skolto.

Kelkaj el la plej belaj markoj venis el Botswana, Barbuda, Barbados, Cook Insuloj kaj Guyana. Kampfajro, kuirado kaj flagceremonioj kreas intereson por skoltismo kaj rememorojn por veterano. La Mondkonferencon en Finnlando honoras tri belegaj poŝtmarkoj el Botswana, montritaj supre.

Cook Insuloj honoras per la plej alta valoro de serio de ses [illegible] fondinton. La skolta emblemo kaj la valoro estas ora sur la markoj.

La arabaj landoj inkluzivas Irakon kun unu valoro por "Outdoor Course for Patrol Leaders", Quatar kun ses valoroj kaj Saŭdi Arabio kun tri valoroj pro Rover Moot.

Svisujo memoris la skoltinojn per marko kun insigno kaj [illegible], Bermuda per kvar belaj markoj kun du diversaj desegnaĵoj montrantaj grupoj en koloraj uniformoj.

Tri markoj el Polujo montras [illegible] antaŭmilitajn insignojn. Skoltoj [illegible] en Polujo estas politika, kaj [illegible] membro de la tutmonda skoltismo.

Laŭ artikolo "1969: [illegible] issues" de Harry D. [illegible] en "World Scouting". [illegible] bildoj, inkluzive kovrila bildo, estas el sama fonto.

S-ro Thorsen estas [illegible] into de "Scouts on Stamps Society International".









Nia kampanjo sukcesas!

Jen estas nomoj de skoltoj kaj skoltinoj el Belgujo.
Ili ĉiuj komencis lerni nian lingvon, kaj certe ili ĝojos, kiam ili ricevos kuraĝigon de vi!

En aliaj landoj aliaj geskoltoj same komencis lernadon.

Se vi, kiuj konas la nomojn, publikigos ilin en LA SKOLTA MONDO, tio per si mem estas kuraĝigo, ĉar ili vidos, ke ili ne estas solaj, sed ke geskoltoj ĉie en la mondo lernas la Internacian Lingvon.

Lupidestrino Fernanda MOORS
J.Hendrickxlaan 189
B 2120 SCHOTEN
Rovero Luc DE BROUCKERE
Leopoldstraat 36
B 8370 BLANKENBERGE
Roverestro Marcel LAUREYSEN
Kloosterstraat 104
B 3900 LOMMEL
Sk.estro Ivo SCHENKEL
Haneveldlaan 102
B 1850 GRIMBERGEN
Skolto Paul WARMENBOL
Baggenstraat 28
B 2200 BORGERHOUT
Sk-ino Gerda VOETS
Runcvoort 45
B 2060 MERKSEM
Sk-ino Noëlla VERRETH
Dennenlaan 54
B 2610 WILRIJK
Sk-estro Carlos TIJDGAT
St. Hatebrandstraat 8
B 2510 MORSTEL

Grupestrino Betty DE BEUCKELAER, Geraniumlaan 25
B 2120 SCHOTEN
grupestro Chris DENUT
Gasthuisstraat 44
B 8970 POPERINGE
Patrolestro Guido MAERTENS
Pr.Leopoldstraat 51
B 8310 St.KRUIS
Sub-p.e. Didier VANHAVERBEKE
Westlaan 66
B 8800 ROESELARE
Sk-ino Danielle VAN UFFEL
Gen.Cabrastraat 15
B 2200 Antwerpen.
Sk-ino Brigitta MOREL,
Saunierlei 56
B 2620 HEMIKSEM
Skolto Erwin STORMS
Gitschotellei 308
B 2200 BORGERHOUT

---

Skoltoj en Osaka, kaj aliaj amikoj en Japanujo !
Vi povos bonvenigi jam nun la sekvantajn belgajn skoltojn:

Robert van BELLINGEN.
Oudstrijdersstraat 8
B 1710 DILBEEK
Marc van ORSHOVEN
Dirk Martensstraat 24
B 9300 AALST
Jean-Paul VAN UFFEL
Stationsstraat 53
B 3573 WIJCHMAAL

Wouter BACEART
Herreynstraat 25
B 2800 MECHELEN
Robert DEVOS
L. Hennink straat 34
B 2610 WILRIJK
Charles van SAS
Kon. Astridlaan 52
B 2180 HEIDE (kalmt)



Ke ili ne estas solaj, vi povas legi en alia paĝo de ĉi tiu numero. Tial: Korespondu. Kaj nepre ne forgesu: Sendu korespondpetojn al la naciaj skoltgazetoj, petante korespondon per Esperanto.




**Se** vi konas skolton, kiu iros al Japanujo, bonvolu igu lin fari kontakton kun s-ro Sindo Seitaro, Esperanta Servo Centro, Daido Kagaku Bil. 16, Suehiro-ĉo, Kita-ku, OSAKA, speciale kiam li estas iom libera, ekz. por esti oficiale akceptita kaj 'montrita' al la japanaj skoltaj instancoj.
Oni pensas pri skoltoj, kiuj vizitas la Expo'n kune kun la gepatroj.
Sed memoru: La japanoj havas alian alfabeton ol la 'latina'. Tial ordinara manskribo estos al ili tute nekomprenebla. Uzu maŝinskribon aŭ manskribon, en kiu vi fidele imitas ĝin.

**Se** vi deziras iri al internacia tendaro vi povas trovi eblecon en KAMPO-EŬROPO 1970

La grupoj ASCI de la regiono Lombardia en Italujo vokas skoltojn el ĉiuj eŭropaj landoj al siaj someraj kampoj en julio-aŭgusto 1970
Prezo: 15 000 liroj.
Skribu al Kampo-Eŭropo 1970, ASCI, piazza P. Paoli 18, I-00186 Roma






## 55-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**1-8 aŭgusto 1970 en Vieno (Aŭstrujo)**

La kunveno de S.E.L. dum la Universala Kongreso en Vieno okazos

vendredon, la 7.an de aŭgusto je la 9.a ĝis 10.30

en la kongreseja salono Baghy.

Prezidos nian kunvenon amiko Helmut Rössler el Germanujo.
Lia adreso: Am Woogbach 38, D-6720 Speyer.

# Ideoj por pionirado.


Simpla ponto


Senponta transirejo




Duŝejo





Naciaj reprezentantoj:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 274 Mont Albert Rd., Surrey Hills, 3127 Victoria. Telefono WF 7948. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk. 9978.93. Tel. (03)4524.76. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Street, Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Tårnvej 387 B, DK 2610 Rødovre. |
| Finnlando: | Helpa NR: S-ro Timo Kaijanranta, Tienhaarankuja 5, Vuoksenniska, Imatra. |
| Francujo: | Monsinjoro Patrick Truchemotte, 76 Rue Lombard, Bordeaux |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 25 20 44. |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, 92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.. Helpa N.R.: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Kongo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, Kalembelembe 215, St. Jean, Kinshasa. |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980)-66931. Poŝtkonto 63 22 46. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt. 37c, N 6500 Kristiansund N. Tel (073)-77620. Poŝtkonto 8 03 04 13. |
| Portugalujo: | S-ro J.P. de Melo, Rua Jacinto Nunes 17-3°Dt°, Lisboa I |
| Usono: | S-ro H. William Beare, 1007 Chicago Blvd., San Antonio, Texas 8 15 39. |

David Withey: telefono WAT 2936.
L.J. van Gulck: telefono 03-3688.08. Poŝtkonto Belga Skolta Esperanto-Sekretariato 327460.

LA SKOLTA MONDO. Memoru la limtempon. La datoj estas 1-a de Februaro, 1-a de Majo, 1-a de Aŭgusto kaj 1-a de Novembro.






# 1972
## *internacia jaro*

La jaro 1972 havos specialan signifon, speciale por la skoltoj en Eŭropo.

Speciale tie 1972 ja estos la "INTERNACIA JARO". Kaj vi jam nun estu pretaj, por ke ĝi estu sukcesplena!

Kaj ne necesas atendiĝis 1972 por komenci internaciajn rilatojn.

Estus bone, se ni jam en 1971 havus internaciajn skoltajn kunvenojn, dum kiuj nia lingvo estus uzata.

Priparolu tion kun via (antaŭa) skoltgrupo, kaj sendu viajn planojn TUJ al "La Skolta Mondo"!

----

Ĉu via grupo jam posedas ekzempleron de nia propra lernolibro "Jamborea Lingvo"?



## LERNU ESPERANTON!

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND

